

N-ro 1/1997 Februaro/Marto 

**Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a., Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg, tel. + fakso: +49 40 250 30 65**

---

**Enhavo**


---

**Kronologio de inundo**
Komence nur estis iom da malsekajxo en la muro sub la fenestro de la kluba salono en la suba etagxo; ni pensis ke tio foje okazas en cxambroj sub tera nivelo. Sed en Majo 1996 ankaux la tapisxo malsekigxis. La akvo fluis el sub la planko - pli bone dirite: inter du tavoloj de la planko. Unue mi supozis, ke tion kauxzas sxtopigxinta elfluilo sub la supra betonajxo, sed "fakulo", ekzameninte la plankon, asertis, ke certe la akvo venas el la gxardeno, tra la muro. Li prezentis al ni kosto-takson por la riparo je *DM 20.000,--*. Tiom altan sumon la klubo ne havis. Do, ni decidis, mem ripari la izolajxon de la ekstera muro. En Julio *Burkhard*, *Volker*, *Gerd* kaj mi komencis fosi. La laboro montrigxis treege malfacila: Dum pluraj semajnfinoj *Burkhard* kaj mi laboregis por elfosi la muron kaj eltrovi la likajxon. Dum Auxgusto *Burkhard* kaj *Helmut* laboris en la gxardeno. Septembre ni dauxrigis la fosadon gxis sub la fundamento de la domo - sed ecx ne trueto, kie povus penetri akvo, estis trovebla en la muro. Intertempe la salono farigxis pli kaj pli malseka post cxiu pluvo en tiu pluvema somero. Felicxe, ke *Elsbeth* memoris pri iama kursano *Heinrich Westphal*, kiu estas masonista majstro. Sxi petis lin, rigardi nian problemon, kaj li gxojis, povi helpi al ni. La 4-an de Oktobro li rigardis la muron kaj la malnovajn konstru-planojn. Li estis certa, ke nur de interne povus veni la akvo. Unu tagon poste ses liaj laboristoj eltiris la tutan plankon el la salono kaj malkovris la kauxzon de la inundo: Kanaletoj, restintaj de la iama lavejo en la domo, estis tute sxtopitaj. Ili fermis la kanaletojn kaj metis novan plankon kun kaheloj. La 31-an de Oktobro cxio estis preta. Nia amiko *Heinrich* faris al ni favoran prezon!
*Benno Klehr*
Enhavo

---

**Programo de HES**

La domo estas malfermita je la 19:00 horo, la programo komencigxas je la 20:00 horo

**1997-02-06** *Jürgen Wulff:* Ekspozicia spertigxo
**1997-02-13** Kunveno de la Landa Ligo Hamburg de G.E.A.

**1997-02-20** *Benno Klehr:* Nia Terura Enigmo - Komuna krucvortumado
**1997-02-27** Jarcxefkunveno 1997 de Hamburga Esperanto-Societo
**1997-03-06** *Mariko Aoshima kaj Gerald Roemer:* Vivo en Japanio hodiaux (Prelego kun lumbildoj)
**1997-03-13** Literatura Vespero
**1997-03-20** *Hella Lanka:* Sur la spuroj de kanalkonstruantoj en Sxlesvig-Holstinio kaj Meklenburgio-Antauxpomerio
**1997-03-27** Ovo-Kunveno - Nia tradicia antaux-paska vespero
Enhavo

---

**Seminarioj en 1997:**
**Perfektiga seminario** por komencintoj, progresintoj, ekspertoj
Sabato 1996-04-19 14:00 gxis 18:00 kaj Dimancxo 1996-04-20 10:00 gxis 15.00
Programo:
- elektitaj lecionoj el la "Mazi"-video-kurso
- lingvaj ludoj
- pligrandigo de la vorttrezoro
- refresxigo de kelkaj gramatikaj eroj

Distra programo:
- prezento de usona video-kurso
- sabate vespere vizito de la Hansa-teatro (artistaj prezentajxoj, kostoj por enirbileto: 45 germanaj markoj)

**"La Platdicxa Lingvo"** Seminario pri malnova nordgermana kaj hansa lingvo
Sabato 1996-05-31 14:00 gxis 18:00 kaj Dimancxo 1996-05-01 10:00 gxis 15.00
Tema programo: historio, politiko kaj traduka komparo
Distra programo (praktikaj studoj):
- platdicxa teatro: vizito de fama Ohnsorg-teatro (antauxaligxo nepre necesas)
- fisxfoirejo je dimancxa frua mateno
- haven-rondveturo

**Pliaj informoj kaj aligxiloj haveblas cxe: Hamburga Esperanto-Societo r. A., Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg, tel. + fakso: +49 40 250 30 65**
Enhavo

---

Informoj Informoj Informoj Informoj Informoj Informoj Informoj Informoj Informoj

### Se vi sxatas trafosi la elektronikan mondon de Esperanto: http://www.esperanto.net

### Vi povas atingi nin per interreto: EsperantHH@aol.com



La HES-domo estas proksime de la centro: Uzu metroon *U 3* (direkto *Billstedt-Mümmelmannsberg*) gxis stacio *Burgstrasse*
Enhavo

---

Tiu cxi pagxo estas flegata de: MerlaFrank@aol.com
http://members.aol.com/merlafrank
Bonvolu komuniki erarojn kaj sugestojn!
Enhavo

---

2a Hansa Esperanto-Tago 1a - 4a de Majo 1997 en Stralsund

En la programo: Prelegoj kaj diskutrondoj pri Baltmara kunlaboro, ekskursoj al turismaj celoj, promenadoj. Prezo cx. *DM 300,--*
Informoj: **Christian Darbellay, Kaiserstr. 43, 24143 Kiel, Tel: 0431-73 50 16**
Enhavo
Re al la cxefpagxo